Jaro 11 Aprilo 1959 N-ro 4



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



La Viena ĉefstacidomo en nokta lumo

# 11a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




LINZ/DONAU (Aŭstrio) 9—15 majo 1959

Adreso: Linz/D. Bahnhofstr. 3

Bankkonto: 75252, Arbeiterbank, Linz/D.

Christian Coulinstr. 32

**Informilo n-ro 4**




## ĜENERALAJ INFORMOJ

**Fervoja rabato por emerituloj:** Okaze de la 11-a IFEF-kongreso en Linz kaj la postkongreso en Wien, la aŭstria fervojo eksterordinare donos al eksterlandaj fervojistaj emerituloj 50 % rabaton — sub jenaj kondiĉoj:

1. Eksterlandaj emerituloj, kiuj deziras partopreni la 11-an IFEF-kongreson, devas peti formulaĵon de L.K.K. (kontraŭ 2 resp. kuponoj).
2. Post plenigo ili sendu ĝin al sia sekcio aŭ delegito aŭ vojaĝperanto, kiu estas petata atesti per fakgrupstampo, ke la koncerna kongrespartoprenanto fakte estas fervojista emeritulo kaj membro de IFEF.
3. La landaj sekcioj sendu tiujn ĉi formulaĵojn al L.K.K. Linz, kiu post denova kontrolo sendos la formulaĵojn al ĝenerala direkcio Wien.
4. La sendo de plenigita formulaĵo al L.K.K. nur povas esti akceptata kun samtempa aliĝo al la 11-a IFEF-kongreso kaj **laŭdezire** al la postkongreso.
5. Limdato estas la 10-a de aprilo 1959, ĉar poste ni ne povas garantii, ĉu la petskribinto ĝustatempe ricevos la rabatbileton.
   Grave por ni estas ke unu funkciulo de via landa IFEF-sekcio transprenas la emeritulajn aferojn (por familianoj de emerituloj ni ne sukcesis ricevi rabaton).

**Infanoj** ĝis aĝo de 14 jaroj ne pagas kongreskotizon (jam pagitaj kotizoj estos rekompencataj).

**Aliĝilo:** Plenigu ĝin preslitere. Nepre indiku sekson kaj aĝon. Se vi havas iajn dezirojn, notu ilin precize sur la aliĝilo.

**Loĝado:** La rezervigmono (ŝ. 50) kompreneble estos enkalkulata en via pago por via hotelĉambro. Sed se vi pro iu kaŭzo ne partoprenos la kongreson, vi ne rajtas repostuli ĝin, ĉar ĝi ankaŭ por ni estos perdita.
Se vi mendis unulitan ĉambron, kaj ni ne povos plenumi vian deziron pro manko de disponeblaj ĉambroj, bonvolu ne ĉagreniĝi.

**Akurateco:** Venu akurate al ĉiuj aranĝoj. Vi ege ĉagrenigas la aliajn, se vi malfruiĝas. La aŭtobusoj, trajnoj ktp. ekveturas precize.

**Ekskursoj:** La biletoj por la diversaj ekskursoj estos eldonataj unu tagon antaŭ la aranĝoj. La horon de la eldonado kaj de la ekveturo al la diversaj fabrikoj vidu sur la nigra tabulo en la antaŭhalo.
Listo de la ekskursoj troviĝos inter la kongresaĵoj.

**Monŝanĝejo:** estas malfermata sabate la 9-an de majo inter 9—18 horo en la kongresejo.

**Poŝtoficejo kun speciala stampo** funkcios en la kongresejo dimanĉe antaŭtagmeze kaj lunde ĝis merkredo dumtage. Vidu la planon en la kongreslibro.

**Ilustritaj poŝtkartoj** kun esperanto-teksto estas riceveblaj en la kongresa oficejo.

**Kongresa oficejo:** tie vi ricevas ĉiujn informojn, memoraĵojn, glumarkojn, ktp. Tie ankaŭ transdonu al ni vian donacon por la tombolo.

**Vestgardejo** okazos en la enirhalo. Prezo ŝ 1.— (po depono kaj persono).

**Kongreskarton** kaj kongreslibron vi ricevos dum aprilo, se vi estas paginta la kongreskotizon.

La L.K.K.

## NIA PENO KAJ LABORO



Depost la 10-a kongreso funkcias la nova estraro, elektita en Aarhus, kaj ŝajnas al mi utile kaj necese informi nian anaron pri la nuna stato en tiu gvida instanco de IFEF. Post nia reveno en Amsterdam abundis la laboro. La nova kasisto devis, post serioza kontrolo transpreni la kason de sia antaŭulo.

Li informiĝis pri la stato de la financoj kaj pri ĉiuj specialaj aranĝoj, kiuj ebligas la enkasigon de kotizoj ankaŭ el tiuj landoj kies eblecoj por financaj transakcioj estas limigitaj.

Rapide kaj lerte li alproprigis al si ĉiujn sciindaĵojn kaj jam ni povas esti certa pri tio, ke li same bone gardas niajn financojn, kiel sinjoro Biesheuvel faris tion. Kun ĝojo mi konstatis ke en liaj manoj la financa stato de IFEF estas absolute sekura.

Same atendinda afero estas la transpreno de la redaktora funkcio fare de sinjoro Hoen, des pli ĉar samtempe kun la akcepto de tiu tasko validas ankaŭ la komisio plibonigi la IFEF-organon laŭ eksteraĵo kaj enhavo.
Esplorante la eblecojn pri plibonigo, nia optimismo tiurilate komencis ŝanceliĝi. Kelkaj kunvenoj kun la presisto montriĝis necesaj por trovi akceptablan — mi ne diras kontentigan — solvon.

La rezultato de niaj klopodoj jam venis antaŭ viaj okuloj, kaj ni dankas al la multaj amikoj kiuj per laŭdaj kaj afablaj vortoj stimulis nian loboron. Kun ili, ankaŭ ni opinias, ke konsiderante la povon de nia monujo, kiu ja ĉiam superregas en tiaj aferoj, la atingita rezultato estas bona.
La formato de la gazeto fariĝis iam pli granda, la bildo sur la frontpaĝo, por kiu ni petas al vi taŭgan materialon, donas al ĝi agrablan aspekton. La nova nomo, kiun ni mem elektis por eviti plian prokraston, aperis en pli moderna kadro.

Nun ni scias, ke ne ĉiuj aklamas nian agadon koncerne tiun elekton, kaj por la unua fojo en mia vivo mi serioze esploris en mia animo, ĉu do kasiĝas en ĝi diktatoraj ecoj. Mi tamen kredas ke nia estraro estas libera de tiu makulo. Fakto estas ke la ĝojo pri la pene atingita rezultato tiom entuziasmigis nin, ke ni deziris plej eble baldaŭ rigardi la fruktojn de nia laboro. Ĉar gazeto sen nomo ne estas akceptebla, ni interkonsente elektis por ĝi la nomon, komisiante al la presisto plej eble baldaŭ aperigi la gazeton en ĝia nova vesto.

Ŝajnas al mi tute superflue diri, ke en Linz ni lojale submetos nin al eventuala decido ŝanĝi la nomon, kvankam ni vere bedaŭrus, se jam nun ni estus devigataj denove ŝanĝi la aspekton de la gazeto per nove elektita titolo.
Kun tiu nova gazeto do startis la nova redaktoro, kaj juĝante laŭ la jam ricevitaj komentoj, ni rajtas diri ke la ŝanĝo de la gazeto kaj de la redaktoro renkontis nenian kritikon. Espereble ankaŭ en la estonteco niaj fidelaj kunlaborantoj faros noblan konkuron por levi nian organon al ĉiam pli alta nivelo.
La sekretaria tasko en la postkongresa periodo ne estis tro abunda, kaj nia amiko Lok delegis ĝis nun nur malmulte al la nove elektita 2-a sekretario.
La fakto ke sinjoro Lok pensiiĝis antaŭ kelkaj monatoj, povos esti profita al nia movado. Tamen per lia emeritiĝo povos aperi la malfacilaĵoj ke en sekvontaj kongresoj mankos la 1-a sekretario, se en la landoj de travojaĝo oni ne sukcesos havigi al li senpagan bileton.

Tial de nun la 2-a sekretario pli kaj pri transprenos taskojn de nia nemankipova 1-a sekretario. Malgraŭ lia laboremo sendube pasos ankoraŭ plena jaro antaŭ ol li povos transpreni la tutan taskaron de kolego Lok.
Nepre necese estas ke kolego Lok almenaŭ por la nova organiza jaro restu sur sia posteno, kaj ni apelacias al lia amo por nia movado por persvadi lin ankoraŭ ne forlasi sian funkcion en nia organizo.

Mi esperas ke la kongreso aklame substrekos tiun deziron, por ke en nia kongreso en Linz ne aperu problemoj koncerne la estraron.
Kiel la antaŭa, ankaŭ la nove elektita estraro laboras en bona harmonio.
Por la venonta jaro mi do povos plene akcepti respondecon pri la gvidado de nia organizo, kondiĉe ke ne okazu ŝanĝoj en ĝia estraro.
La fakto, ke ankaŭ en la kongreso ni devos kvinope gvidi la aferojn, necesigas kelkajn ŝanĝojn en la irado de la kunsidoj.

Ĝis nun unu el la estraranoj faris dum la kunsidoj la necesajn notojn por la raportoj en nia organo. Nun ni estas tro malmultaj por mem fari tiun taskon.
Tial ni deziras elekti antaŭ la komenciĝo de ĉiu kunsido iun kompetentan amikon, kiu post la kongreso liveru al ni la protokolon de la koncerna kunveno. En niaj kunsidoj ĉeestas sufiĉe multaj amikoj, kiu tre kapablas fari tiun laboron, kaj ni esperas ke ili ne rifuzos al la estraro tiun malgrandan servon.
Ĉar ne decas al mi juĝi pri propra laboro aŭ kapablo, mi volonte submetos min al via kritiko en nia kongreso en Linz, kie oni nun pene laboras por akcepti nin. Venu multnombre kaj bone preparita, kun viaj novaj ideoj, via entuziasmo kaj kun bona hnmoro. Tiam nia 11-a estos same brila kiel la antaŭaj. Ĝis baldaŭa revido!

La prezidanto.

## INTERNACIA KORESPONDSERVO

Precipe individuajn korespondpetojn oni direktu al la gvidanto de I.K.S., s-ro W. Biesheuvel, Ceramplein 58 hs, Amsterdam-O, Nederlando.

**Deziras korespondi**

Nederlanda fervojisto, 38-jara, serĉas kontakton kun kolego kiu fotografias 24 × 36 kaj filmas en la naturo plantojn, fiŝojn, marbestojn kaj birdojn, por migradi kune en la naturo kaj korespondadi. La adreso estas: A. Blickman, Palamedesstraat 17, Haarlem, Nederlando.

## RAPORTO DE LA KASISTO PRI LA JARO 1958

| Enspezoj | | Elspezoj | | |
|---|---|---|---|---|
| Kotizo | f 2.019,02 | Preskostoj Bulteno | | f 2.283,12 |
| Abonantoj | ,, 92,— | Transportkostoj Bulteno | | ,, 177,43 |
| Subteno Bulteno | ,, 870,42 | Poŝtmarkoj estraro | | ,, 63,95 |
| Respondkuponoj | ,, 1,50 | Kostoj estraro kaj kontoro | | ,, 91,04 |
| | | Diversaĵoj | | ,, 44,42 |
| | | Nova kapitalo | f 1.498,10 | |
| | | Malnova kapitalo | ,, 1.175,12 | |
| | | Profita saldo | | ,, 322,98 |
| | f 2.982,94 | | | f 2.982,94 |

### Bilanco de IFEF je la 31-a de decembro 1958

| | | |
|---|---|---|
| Kapitalo je 1-1-1958 | f 1.175,12 | |
| Surpluso 31-12-1958 | ,, 322,98 | |
| Nova kapitalo | | f 1.498,10 |
| Pagenda kotizo | f 220,— | |
| Adoptitaj anoj | ,, 5,— | |
| Izolaj membroj | ,, 17,— | |
| | | ,, 242,— |
| Skribmaŝinoj | | ,, 1,— |
| Glumarkoj | | ,, 70,32 |
| Aliaj havaĵoj | | ,, 1,— |
| | | f 1.812,42 |

### Budĝeto pri la jaro 1959

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kasenhavo je 1-1-1959 | f 1.498,10 | Preskostoj Int. Ferv. | f 2.400,— |
| Kotizo | ,, 2.989,50 | Transportkostoj | ,, 200,— |
| Donacoj Internaciaj Fervojisto | ,, 100,— | Estrarkunvenoj | ,, 20,— |
| Vendotaj glumarkoj | ,, 10,— | Administraciaj kostoj | ,, 100,— |
| Abonantoj | ,, 66,— | Kotizo U.E.A./SAT | ,, 30,— |
| Pagenda kotizo | ,, 242,— | Diversaĵoj | ,, 220,— |
| | | Ne-antaŭvidotaj kostoj | ,, 50,— |
| | | Kapitalo | ,, 1.498,10 |
| | | Profita saldo | ,, 387,50 |
| | f 4.905,60 | | f 4.905,60 |

Mi ne estas malkontenta, sed mi petas al la kelkaj izolaj membroj kaj la adoptantoj, kiuj ne jam pagis la kotizon por la jaroj 1957/58, ke ili pagu. Mi dankas ĉiujn por la grandega subteno al la Bulteno, ĉar pro tio la kaso ne estas malplena kiam mi vizitas Linz.

La kasisto E. R. Oosterwijk

Ni kontrolis kaj aprobis la kason kaj la administracion.

Amsterdamo, la 17 februaro 1959.
~~W. L. v. Leeuwen~~
C. H. v. d. Berg
W. Stapel
Vermar

## ESPERANTA GAZETARSERVO

La opinio de la famkonata franca verkisto Romain Rolland pri internacia lingvo estas: Mi kredas en la nepra bezono de internacia lingvo.
En ĉiuj popollernejo en Eŭropo oni devus instrui Esperanton. Tiom longe kiom tio ne okazas, serioza kaj efektiva interkompreno de popolo al popolo ne estas ebla. Se la homoj volas vivi harmonie, ili unue devas kompreni unu la alian. Esperanto redonos al tiuj, kiuj estas surdaj, la aŭdpovon, ĉar pro sia lingvo ili jam dum jarcentoj estas kvazaŭ izolitaj per dika muro.
La komunumestraro de Kopenhago prove enkondukas Esperanton kiel bazan lingvon por la studo de fremdaj lingvoj.
En la 4-a lerneja jaro oni komencas instrui Esperanton, kaj tio estas daŭrigata en la 5-a. Nur poste komenciĝos la instruado de aliaj lingvoj, sed ankaŭ tiam Esperanto ne estos forgesata.
Ĉe geografio kaj diversaj aliaj fakoj — kaj ne malpli por internacia korespondado — oni regule uzos ĝin.

La Portugalaj gazetoj „Republica" kaj „Diario de Lisboa", kiuj ambaŭ aperas en Lisboa, havas Esperanto-rubrikon en kiu estas presataj novaĵoj pri Esperanto kaj specialaj artikoloj pri la esperanto-movado.
Kaj tio okazas en lando en kiu antaŭ nelonge Esperanto estis malpermesita.
En Munĥeno la Departemento por Instruado atentigas la instruistojn pri tio ke en tiu urbo okazas esperanto-kurso sub gvidado de la Germana Esperanto-Instituto. Anoncis sin 15 partoprenontoj por la elementa kaj 25 por la daŭriga kursoj.
Aldone al la urba kurso okazas en kunlaboro kun la „Pax Christi"-movado kurso por katolikoj. Al ĝi partoprenas 50 laikoj kaj fratulinoj.

**Reviviĝo de Esperanto en Orient-Germanio.**

En Quedlinburg Esperanto estas instruata en Altlernejo. Plue la Unuigita Socialista Partio (S.E.D.) en Horka uzas Esperanton en internacia korespondado.
Tiuj ĉi estas la unuaj komunikoj en la Esperanto-gazetaro pri la uzado kaj propagandado de Esperanto en Orient-Germanio, kie antaŭe Esperanto estis melpermesata.

Sub prezido de la ĉefurbestro de Mainz, sinjoro Stein, formiĝis komitato de urbestroj kaj magistrartoj por esplori pri Esperanto.
Al ĝi aliĝis 37 urbestroj el 11 eŭropaj landoj. I.a. al ili apartenas la urbestroj de Vieno, Kolonjo, Dijon, Bologna, Torino, Patras, Arnhem, Den Haag, Trondheim kaj Göteborg.

Dum la lastaj monatoj la komitato enketis inter la eŭropaj urbestroj per cirkulero pri la demando, ĉu por solvi la eŭropan lingvo-problemon oni esploru per speciala komisiono la avantaĝojn, kiujn prezentus la ĝenerala enkonduko de facile lernebla kaj politike neŭtrala internacia lingvo, kia estas Esperanto, kaj ĉu la komitato faru la necesajn paŝojn ĉe la eŭrop-federalistaj institucioj. Ĉirkaŭ 700 urbestroj el 12 eŭropaj nacioj respondis, inter ili 84 per jes. En specialaj leteroj aŭ notoj multaj urbestroj salutis la entreprenon de la komitato kaj esprimis la deziron, ke la komitato sukcesu en sia klopodo kontribui al forigo de la lingvaj baroj inter la eŭropaj nacioj.

# Listo de landaj estraroj kaj lokaj delegitoj.

**AŬSTRALIO:** A.A.E.F.

**ESTRARO:**

Prezidanto: W. O. Sinclair, 13 Wurruk Avenue, Preston, Aŭstralio (Victoria).
Sekretario-kas.: E. Crowe, 102 Shaftesbury Street, Coburg, Aŭstralio (Victoria).

**AŬSTRIO:** Fakgrupo.

**ESTRARO:**

Prez.: Inĝ. Dipl. F. Tschom, Waldeggstrasse 83/II. Linz/D.
Vicprez.: H. Bürger, Starhembergstrasse, 15/I, Linz/D.
Vicperz.: Dipl. Inĝ. E. Gritzmann, Bahnhofstrasse 5, Linz/D.
Sekretario: L. Angermayer, Hugo Wolfstrasse 6, Linz/D.
Vic.-sekr.: J. Geroldinger, Markusgang 7, Linz/D.
Ĉefkasisto: W. Ulrich, Hugo Wolfstrasse 33, Linz/D.
Vic.-kas.: L. Angemayer.
Redaktoro: F. Tschom.
Asesoro: Teufelsbrucker, Riesenhofstrasse 3, Linz/D.
Asesoro: A. Kriechbaumer, Jörgerstrasse 33, Linz/D.
Koresponda adreso: Eisenbahner Esperanto-Fachgruppe, ÖBB Direktion Linz/D, Bahnhofstrasse 3.

**LOKAJ PERANTOJ:**

**Bregenz** (Voralberg), A. Seiwald, Schendlingerstrasse 13, Bregenz.
**Innsbruck** (Tirol), M. Stöckl, Pacherstrasse 5, Innsbruck.
**Knittelfeld** (Stirio), L. Stocker, Echmittstrasse 12, Knittelfeld.
**Landeck** (Tirol), A. Hilkersberger, Lötzweg 15, Landeck. „Domo Frataro".
**Leoben (Stirio),** W. Prieger, Hanns Klöperg 5, Leoben.
**Salzburg,** Toni Huber, Minnesheimerstrasse 17, Salzburg.
**Vieno,** S-ino Th. Krammer, Reihentalgasse 2/IV, Wien XV.
**Villach** (Karintio), A. Ramschak, Markgasse 7a, Villach.

**BELGIO:** B.E.F.A. Espergruto Fako

**ESTRARO:** Redaktoro Brusel Central Gare Bruxelles

Prezidanto: S-ro Roofthooft, Emile Zolastraat 26, Schaarbeek.
Vicprezidanto: S-ro Mortier, Cockerillkaai 2, Antwerpen.
Sekretario: L. de Bruyne, Devedeleerstraat 40, Buizingen.
Vic-sekretario: S-ro Wuyts, Avenue H. Conscience 37, Evere.
Kasisto: S-ro Féron, Rue du Croissant, Bruselo VI.
Kursgvidanto: S-ro Deduytsche.

**BRITIO:** B.E.A.F.

**ESTRARO:**

Prez.-sekr.: S-ro Clifford, S. Parry, 80 Sheringham Avenue, Southgate, Londono N 14.

**BULGARIO:**

**ESTRARO:**

Koresponda adreso: Fervojista Societo, Poŝtfako 386, Sofia.

**Danlando:** D.E.F.A.

**ESTRARO:**

Prezidanto: I. Kensing, Assensgade 18, Aarhus.
Vic-prez.: E. Christenssen, Jaevndøgnsvej 16, Aarhus.
Sekretario: V. Braendstrup, Bernstoffsvej 4, Viby/J.
Kasisto: K. Fisker, Tousparken 10, Aabyhøj.
Redaktoro: K. Stampe, Thunøgade 21, Aarhus.
Asesoro: N. C. Thorsted, Kaalundsvej 3, Aarhus.
Asesoro: Erna Krogh, H. Pontoppidansgade 6, Aarhus.

**LOKAJ REPREZENTANTOJ:**

**Aarhus:** S-ro-J. Christoffersen, Rovensanvgs Alle 20.
**Aarhus:** S-ro C. V. Jensen, Skernvej 2.
**Fredericia:** S-ro A. Lind, Trekanten 8.
**Glostrup:** S-ro E. H. Olsen, Vestergaardsvej 89 2m.
Hillerød: S-ro E. Andersen, Hyrdebakken 4a.
**Kolding:** S-ro N. Kynde Nielsen, Aagade 15.
**Kopenhago:** L. Kongsvang, Holmstrupsvej 32 1, Kopenhago SV.
**Odense:** S-ro E. L. H. Kristensen, Hannerupgaardsvej 54.
**Tønder:** S-ro E. V. Mertner, Laerkevej 31.
**Vejle:** S-ro E. K. Christensen, Ellevang 20.

**FRANCIO:** F.F.E.A.

**ESTRARO:**

Prezidantino: F-ino G. Lemonnier.
Sekretario: Robert Coyac.
Kasisto: Pilleboue.
Redaktoro: S-ro R. Retault, 12 rue Montigny, Dieppe (Marne).
Koresponda adreso, escepte por la redaktoro: 11 Rue de Milan, Paris 9e.

**LOKAJ REPREZENTANTOJ:**

**Avignon:** S-ro Ernest Simonot, 15 rue Guillaume Puy, Avignon (Vaucluse).
**Laval:** S-ro Marcel Igigabel, 5 rue Moëmie Hamard, Laval (Mayenne).
**Lyon:** S-ro Payet-David, 14 rue Bichat.
**Nancy:** S-ro J. Chapellier, Rue Palissot 43, Nancy (Mthe & Melle).
**Vilieu** (Ain): S-ro A. Giovenal, Moulin de Fetau.

**FINLANDO:** E.S.F.F.

**ESTRARO:**

Prezidanto: Yrjö Louhevirta, Hämeentie 70.B.38, Helsinki P.
Sekr.-kas.: A. Ruhanainen, Helsingkatu 6.B.50, Helsinki P.

**GERMANIO:** G.E.F.A.

**ESTRARO:**

Prezidanto: J. Giessner, Hauptbahnhof 6, Braunschweig.
Sekr.-ino: S-ino E. Kruse, Ackermannstrasse 82, Frankfurt/Main.
Kasisto: O. Denk, Landgrafenring 17, Offenbach/M.
Redaktoro: P. Steinig, Findorffstrasse 106, Bremen.
Varbado: W. Barnickel, Tirolerstrasse 2, Frankfurt/Main.
Konsilanto: W. Lang, Fuchshohl 98, Frankfurt/Main-Giesheim.
Terminaro: G. Ritterspach, Oberdorfstrasse, Bammental/b Heidelberg.

**LOKAJ REPREZENTANTOJ:**

**Braunschweig:** S-ro J. Giessner, Hautbahnhof 6, telefono deĵoro: 340, poŝta: 20101, postulu poste aparato 340.
**Lübeck:** S-ro Heinz Hermann, Schönböckenerstrasse 31, (24a) Lübeck.
**Regensburg:** S-ro Erhard Redlich, Bischof-Konradstrasse 14, deĵoradreso: Supra trajnestro, stacidomo Regensburg Hbf DBB.

**HISPANIO:** H.E.F.A.

**ESTRARO:**

Prezidanto: J. Saladrigas, Caridad 34, Badalona.
Vic.-prez.: L. Colas, Wifredo 331-1e, Badalona.
Sekretario: R. Giménez, Julián Romea 9-11, 3e 1a, Barcelona.
Kasisto: J. Miró, Rosendo Nobas 27-1e-1a, Barcelona-Clot.
Asesoro: P. E. Alvarez, Paseo de Fabra Puig. 81-2, Barcelona-San Andres.

**ITALIO:** I.F.E.A.

**ESTRARO:**

Prezidanto: G. Zacconi, Piazza Medaglie d'Oro 3, Bologna.
Sekretario: G. Gimelli, Via Donato Creti 61, Bologna.
Kasisto: G. Cartena, Via Pietramelara 55, Bologna.
Redaktoro: G. Gimelli.

**JUGOSLAVIO:** J.E.F.A. G. T. Tomislavov Trg 11

**ESTRARO:** (prizemno desno) Zagreb

Prezidantino: S-ino Milica Milisavljevic, Karadjordjeva 69, Beograd.
Sekretario: Macic Gradimir, Zmaj Jovina 52/IV, Beograd.
Por IFEF kaj landa peranto: Inĝ. L. Sekereŝ, poŝtfako 95, Rijeka.

**ORIENT-GERMANIO:**

**LOKA REPREZENTANTO:**

H. Kinzel, Bitterfelderstrasse 91, Delitzsch.

**NEDERLANDO:** F.E.R.N.

**ESTRARO:**

Prezidanto: J. J. Labordus, Kenaustraat 26, Utrecht.
Sekretario: G. G. van Veldhuizen, Cremerstraat 166, Utrecht.
Kasisto: J. Vermaak, Rijnlaan 197, Utrecht.
Redaktoro: G. G. van Veldhuizen.

**LOKA REPREZENTANTO:**

**Amsterdam:** E. Drijfhout, Admiralengracht 213/II, Amsterdam W.

**NORVEGIO:** N.E.F.A.

**ESTRARO:**

Prezidanto: M. Carlsen, Markveien 23/III, Oslo.
Vic.-prez.: Q. Lund, Eikelivegen 10, Ski.
Sekretario: Odd. Kolbrek, Kalbakkstuben 22/IV, Øvre Grorud.
Kasisto: J. Sundhagen, Gladsvei 46, Kjelsas, Oslo.
Estrarano: R. Thomassen, Ask, Stacidomo.
Estrarano: A. Kolstad, Marienborg, Trondheim.
Asesoro: E. Rygge, Ringveien 24, Fjellhamar.
Asesoro: B. Andresen, Erlings gt. 8/II, Oslo.

**LOKAJ REPREZENTANTOJ:**

**Grorud:** E. Rygge, Ringveien 24, Fjellhamar.
**Hamar:** J. A. Kleven, Disen Hogeby 11, Boks 46.
**Oslo:** Odd. Kolbrek, Kalbakkstuben 22/IV, Øvre Grorud.
**Róra:** Egil Houen, Stacidomo
**Ski:** Q. Lund, Eikelivegen 10.
**Stavanger:** H. Houen, Knud Holmsgt. 1.
**Trondheim:** Arne Kolstad, Marienborg.
**Vikeland:** R. Horrisland, Stacidomo.
**Voss:** Joh. Hellene, Voss stacidomo.
**Por la lando:** M. Carlsen, Markveien 23/III, Oslo.

**SVEDIO:** S.F.E.F.

**ESTRARO:**

Prezidanto: Hjalmar Olssen, St. Eriksgatan 85, Stokholmo Va.
Sekretario: Bertil Örtengren, Schultzvägen 39, Solna.
Kasisto: H. Bengtzon, Götaforsvägen 13/III, Bandhagen.

**SVISLANDO:** S.A.E.F.

**ESTRARO:**

Prezidanto: K. Greutert, Via Lugano 10, ~~Bellinzona (Ti)~~. Samtempe koresponda adreso.
Sekretario: W. Sonderegger, Alberstrasse 3, Zürich 5.
Kasisto: N. Noll, Kirchstrasse 14, Walisellen.

**LOKA REPREZENTANTO:**

**Aarau:** Hans Hunkeler, Girixweg 31.



## „ESTU PRUDENTAJ KIEL LA SERPENTOJ ..."

Komencanta jaro estas momento por pripensi nian agadon, pripensi kiel eblas progresigi kaj potencigi nian movadon. Elmontri ireblajn vojojn al tia agada estas la celo de ĉi tiuj linioj. Kvankam ne temas pri tute novaj ideoj, povas esti utile, denove atentigi pri ili.
Jen unuavice ne temas pri varbado de novaj membroj, sed pri interesigo de ne-esperantistoj profite al nia lingvo kaj nia movado. Estas konate, ke mankas spertuloj en niaj vicoj, kiuj kapablas verki fakartikolojn aŭ prelegojn vere interesajn kaj science fonditajn. Ni „profitu" el ĉi tiu manko! Jam ni havas ekzemplojn. Vi certe legis en n-ro 1 de nia organo pri la „granda tago" de la fervojistoj en la kadro de UK en Mainz. Tiam oni prelegis tradukitan artikolon de unu el la tri estraranoj de la Germana Federacia Fervojo. Por tio ĉi tiu altrangulo nun havas ielan konekson kun nia movado. Ĉu tio ne povas fariĝi grava faktoro por la germanaj fervojistoj esperantistaj, se ili lerte kaj delikate firmigas ĉi tiun unuan kontakton?

Same efikus, se ni sukcesas persvadi fakulan ne-esperantiston verki por nia faka organo. Ĉu ne estas alloga, eĉ por grava persono, „esti presita" en internacia organo? Per tio ni ne nur gajnas taŭgajn artikolojn, sed samtempe estiĝas persona kontakto kun Esperanto tiel, ke la ne-esperantista aŭtoro sentas sin iel ligita al nia movado.

Ne estas necese atentigi ĉi tie pri la eblaj avantaĝoj, kiuj povas rezulti el tiaj kontaktoj por nia movado — se ni agas sagace, serioze kaj delikate.
Por konvinki ne-esperantistojn pri la taŭgeco kaj perfekteco de nia lingvo rekomendiĝas, nacilingven traduki interesajn artikolojn el ĉi tiu aŭ alilandaj bultenoj kaj publikigi ilin en sindikataj aŭ fakaj gazetoj. Ne estas necese, ke ĉiam temas pri fakaj aferoj; ekzemble mi tradukis el Hungara fervojista informilo „Verda Vojo" artikolon pri „edziĝaj kutimoj" por la paĝo „por niaj virinoj" en sindikata gazeto. Landaj esperantaj periodaĵoj ofte enhavas bonajn rakontojn tradukindajn. Kiu kapablas traduki ilin en korekta lingvaĵo prezentu ilin al sia tagĵurnalo ktp. Do ĉiu agu laŭ sia eblo kaj emo.
Sed konforme al la nekompleta citaĵo en la superskribo: prudento nur ne sufiĉas. Tiurilate jenon: Fervoraj Esperantistoj Fervojistaj en ne-pagipovaj landoj volonte aliĝus al nia organizo kiel individuaj membroj. Ni helpu ilin pagante la kotizon kiel adoptantoj. Certe nia estraro volonte montros al ni por tio vojojn kaj eblojn.
Se ĉiu agas laŭ sia kapablo, la sukceso ne forestos. D. Jaeger, Ffm.

## EL LA SEKCIOJ

### Aŭstrio

**La fervojista Esperanto-fakgrupo en Linz en sia nova hejmo!**

Unika kunlaboro rezultigis ke la fervojista fakgrupo en Linz povis enaŭguri en ĉeesto de la Prezidanto de la Fervoja Direkcio Linz, kortega konsilisto d-ro Kassecker kaj edzino kaj de la vic-prezidanto direkcia kons. Dipl. Inx. Klose sian novan hejmon. La prezidanto disponigis al ili senpage belan salonon kaj krome oficejon en nove rekonstruita domo, proksime al la ĉefstacidomo. La gesamideanoj de la grupoj mem donacis kaj koletis monon por bele ekipi la salonegon kaj oficejon, kaj en tio ili bone sukcesis post elspezo de pli ol 11.000 ŝilingoj. Sed ili povas esti fieraj pri siaj agoj. La plej grandan meriton havas ges. Bürger kaj s-ano Geroldinger.

Pli ol 100 personoj ĉeestis la solenaĵon en kiu je la unua fojo estis prezentata la kolorfolmo pri la inaŭguro de la Zamenhofmonumento en Wien. La enkondukajn vortojn diris la prezidanto de la grupo Dipl. Inĝ. Tschom. Poste parolis la prezidanto de la direkcio kort. kons. D-ro Kassecker; sekvis la Honorprezidanto kort. kons. Steiner.
La festparoladon honore al la naskiĝtago de la majstro faris lernejkons. Mraz. Aliaj grupoj en la mondo sekvu la ekzemplon!

**Zamenhof-festo en Wien.**

La 13-an de decembro Viena esperantistaro kolektiĝis en la granda salonego de la Popolaltlernejo en la IX-a distrikto por solene festi la naskiĝtagon de la majstro. Kiel honoraj gastoj ĉeestis la Afergvidanto de la Ambasadorejo de la pola Popolrespubliko Henryk Kessler, ministeria kons. D-ro Heppner (ĉe la inaŭguro de la Zamenhofmonumento parolinte nome de la Kanseliero Inĝ. Raab) kun edzino, minist. kons. D-ro Frits de Ministerio per edukado (parolinto anstataŭ la instruministro D-ro Drimmel) kaj la kreinto de la Zamenhofmonumento akademia skulptisto Müller-Weidler.

Oni montris la kolorfilmon pri la inaŭguro de la monumento, kio faris bonegan impreson. Enkonduke la nepino de prof. Sirk bonege deklamis du poemetojn, parolis prez. de AEF ofickonsil. Sech, poste kort. konsil. Steiner, sekvis la filmo kaj bonega festparolado de ofickonsil Werner. Post la paŭzo parolis afergvid. Kraus pri „Homaj Rajtoj", kaj fine s-ano Vokal prez. de Viena Esperanto- Delegitaro laŭtlegis noveleton de s-ano Stefan Zodel.

Por instigi la fervojistojn al partopreno en la venontjara IFEF-kongreso en Linz kaj postkongreso en Wien, de nun aperas Esperanto-kurso en la sindikatgazeto de la fervojistoj, la unuan fojon antaŭ Kristnasko.

La 15-an de decembro Radio Wien disaŭdigis en la vico „Malgranda kalendario" bonegan priskribon pri la vivo kaj verko de D-ro Zamenhof, kio estis aŭskultata de multaj personoj kiel kutime.
La 3-2-1959 Radio-Wien disaŭdigis en la vico „Made in Aŭstrio" eseon pri la Internacia Esperanto-Muzeo.

**Italio**

La „Dopolavoro Ferroviario" en Bologna (Postlaboreja Klubo de Ŝtataj Fervojoj) danke al la klopodo de Itala Fervojista Esperanto-Asocio (I.F.E.A.) organizas ankaŭ dum la nuna jaro Esperantan Kurson por la fervojistoj kaj gefamilianoj.

Tiu kurso komenciĝis la 25-an de novembro 1958 ĉe la Profesia Lernejo de la Centra Stacidomo de Bologna. Gvidas la kurson s-ino Delvina Gimelli. Dum la inaŭgura manifestacio kiu okazis la 25-an de novembro ĉeestis la reprezentantoj de la kultura sekcio de la „Dopolavoro Ferroviario". Prelegis Inĝ. Otello Nanni U.E.A.-delegito en Bologna.

La 12-a de decembro la instruistino antaŭ la 20 gekursanoj de la Esperantokurso kun ĉeesto de la aliaj niaj anoj, prelegis pri la Dekjara Datreveno de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, kaj evidentigis la samecon de idealoj de tiu ĉi Deklaracio kun la idealoj de la Esperanto-movado. La instruistino legis ankaŭ branojn de la verko „Aktualaj Problemoj de la nuntempa Internacia Vivo" de D-ro Ivo Lapenna, rilatantajn tiu ĉi Deklaracio.

## VIZITO AL VIENO KAJ AL ĜIA INTERNACIA ESPERANTO-MUZEO

Mi jam antaŭ ses jaroj vizitis Vienon, sed kvankam mi jam estis esperantisto, mi ne konis la ekzistadon de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno Tro malmultaj gesamideanoj konas la belegan urbon Viena kaj ties cirkaŭaĵon, kaj ne ankoraŭ vidis la Esp-Muzeon unikan en la mondo.
Pro tio mi volas paroli rapide pri la vizito al tiu grava muzeo, kiun mi faris kune kun diversaj anoj de mia grupo en Bologna en septembro 1956 okaze de la Internacia Esperantista Fervojista Feriosemajno.
Al tiu feriosemajno kaj al la vizito al la Muzeo partoprenis fervojistoj el dek landoj, inter kiuj kvardek italoj. Krom la esperantistoj ĉeestis ankaŭ diversaj ne-esperantistoj, kiuj partoprenis nur kiel simpatiantoj kaj ili estis forte mirigitaj pro la vizito al la Esperanto-Muzeo.

La muzeo estas fondita de la Kortega Konsilisto Hugo Steiner en 1927. Unue ĝi funkciis en iama ĉevalejo kaj la fondinto elpetis monon por povi hejti la ejon. En 1928 la Ministerio por Instruado de Aŭstrio faris kontrakton per kiu la muzeo fariĝis specialkolekto de la fama Aŭstria Nacia Biblioteko kaj la ŝtato transprenis por eternaj tempoj la disponigon de la necesaj ejoj, zorgas pri hejtado, lumigado kaj purigado de la ejoj kaj bindigas la librojn kaj kompletajn jarkolektojn de la gazetoj.

La sekvintan jaron la muzeo translokiĝis en ĉelon de la iama Aŭgustina honaĥejo, parto de Nacia Biblioteko. Poste oni ricevis duan ĉelon, sed ankoraŭ la loko ne sufiĉis. Do sinjoro Steiner, per helpo de la kanceliero D-ro Schober, ricevis en la nova parto de Hofburg (iama Imperiestra Kastelo en la centro de Vieno) belegan salonegon, kaj du jarojn poste estis aldonata al ĝi alia salonego (230 kv. metroj).

Kiam la Hitleranoj en 1938 venis al Aŭstrio, Gestapo (sekreta polico) tuj fermis la muzeon: forprenis la kolektitan monon kaj enkarcerigis sinjoron Steiner en t.n. ŝirmaresto. Bonŝance oni resendis lin hejmen post tri monatoj, sed ĉiam li havis ĝenojn pro Esperanto. Post deklaro ke la kolektoj de la muzeo estas donacoj speciale el eksterlando, kaj nur post multaj petoj, la hitleranoj ne forbrulis aŭ pereigis la havaĵon de la muzeo, sed deponis ĝin en kelon.
Kiam en 1945 la hitleranoj forlasis Aŭstrion, la fondinto klopodis restarigi la muzeon, sed bedaŭrinde la ejoj de la muzeo estis okupataj de la Rusoj, kaj oni klopodis ricevi aliajn ejojn.
Jen Kanceliero D-ro Inĝ. Figl helpis la fondinton kaj direktoron Steiner kaj li ricevis en alia parto de Hofburg kvar salonegojn.
En la unua salonego oni enstalis „Konstantan Ekspozicion", kie en 24 grandaj vitrokestoj estas ekspozataj 700 libroj, ordigitaj laŭ fako. Du salonegoj entenas kolektojn kaj unu estas akceptsalono de la direktoro. En 1954 oni aldonis kvinan salonegon kaj aranĝis en ronda salonego, en kupolo de la kastelo Hofburg, la Panteonon de la Pioniroj de nia movado. Sistema katalogo laŭ internacia decimalklasifikado pri la kolektoj estas preta kaj ampleksas pli ol 400 paĝojn. La katalogo kapablas konvinki dubemulojn kaj montri kion ni posedas en la diversaj fakoj. Do ankaŭ bonega propagandilo. Sekvas ankoraŭ du katalogoj: unu pri la presaĵoj de la diversaj eldonitaj helplingvaj sistemoj, kaj provoj de novaj (Volapuk, Ido, Occidental, ktp.); la dua alfabeta katalogo pri tutaj kolektoj. La du lastaj katalogoj estos pretaj dum la nuna jaro.

Dum la lastaj jaroj la direktoro de la muzeo faras ĉiujare budĝetproponon al la Ministerio por instruadaferoj, kaj tiu ĝis nun ĉiam akceptis ĝin, kaj disponigis la necesan monon por bona funkciado de la muzeo.
Por 1956 la Aŭstria Ŝtato disponigis krom la salonegaron, proksimume 40.000 aŭstriajn ŝilingojn.
En la muzeo vi trovas la kolektojn de ĉiuj presaĵoj eldonitaj dum ĉiuj kongresoj, kunvenoj, ktp.; la kolektojn de ĉiuj gazetoj, revuoj kaj bultenoj, de la mondkonataj kiel Esperanto, Heroldo kaj Praktiko, ĝis la maŝinskribitaj bultenoj de la malgrandaj Esperanto-societoj.
Mi trovis eĉ la kolekton de la „Informa Bulteno" de la Itala Fervojista Esperanto-Asocio kiun mi redaktas.
Ĉiuj esperantaĵoj estas ekspozataj kaj katalogataj: precipe manifestoj, insignoj, flagoj kaj flagetoj, kaj multegaj fotoj en kiuj aperis nia majstro Ludoviko Lazaro Zamenhof en la unuaj Esperanto-Kongresoj, kaj aperis multaj pioniroj de nia movado, kiujn mi konis dum la lastaj kongresoj.
La Internacia Esperanto-Muzeo eldonas „Informilon", kiu aperas kvarfoje jare. Tiu Informilo estas sendota al ĉiu samideano kiu aliĝis al Internacia Esp.-Muzeo kiel Meceno aŭ Dumviva Membro aŭ Subtenanta Membro, kaj entenas ĉiujn novaĵojn kaj noticojn rilate al la esperanto-movado, kaj ĉiujn artikolojn rilatantajn Esperanton, aperintaj en la tutmonda gazetaro. Panteono, konstanta ekspozicio kaj legejo de la muzeo estas senpage viziteblaj lunde, merkrede kaj vendrede de la 9-a ĝis 15-a horo.
Supreniro sub la granda kupolo de la kastelo Hofburg.
En julio 1958 estis starigata sur Börseplatz en la centro de Vieno la Zamenhofmonumento. Ankaŭ tiu aranĝo okazis dank' al la sindonema klopod/ de sinjoro Steiner, kiu prezidas la Lokan Komitaton de la Postkongreso de IFEF okazontan en Linz de la 9-a ĝis la 15-a de majo ĉi-jare.
La postkongreso okazos en Vieno de la 15-a ĝis la 18-a de majo.
Mi verkis tiun ĉi skribaĵon pro diversaj kaŭzoj: unue por ke vi ĉiuj konu la ekzistadon de tiu muzeo unika en la mondo, kiu povas atesti en la estonto la progresojn de la esperanto-movado; due por ke vi vizitu la 11-an IFEF-kongreson en Linz kaj ĝian postkongreson en Vieno, kaj fine ke iu el vi aliĝu al Internacia Esperanto-Muzeo almenaŭ kiel Subtenanta Membro.

Gimelli Germano, Bologna, Italio

## FERIOSEMAJNO EN NEDERLANDO

Ankaŭ ĉi-jare la grupo Zwolle de FERN organizas feriosemajnon en la konata feriocentro „De Leemkule" por fervojistoj kaj ties familianoj. Ankaŭ oni varbu inter ne-esperantistoj, por ke ni povu montri al ili la utilecon de Esperanto en la praktiko.
La feriosemajno okazos de la 5-a ĝis la 12-a de septembro en arbarriĉa ĉirkaŭaĵo de Zwolle. Ekskursoj al Giethoorn kaj Staphorst, N.O. kaj S.O.-polderoj, subĉiela muzeo en Arnhem, Amsterdam, Marken kaj Volendam.
Malgraŭ la altiĝantaj prezoj la tuta semajno, inkluzive tranoktado, manĝado, ekskursoj, ktp, restas la sama kiel antaŭe: 60 guldenoj.
Vojaĝbiletojn oni petu de la limo trans Zwolle al Amsterdam.
Notu la datojn! Petu informojn se necese, kaj anoncu vin sufiĉe frue ĉe: H. G. J. van Gulik, Tulpstraat 16, Zwolle, Nederlando.
La redaktoroj de landaj fervojistaj gazetoj estas afable petataj transpreni ĉi tiun artikolon.

# Esperantista printempa restado en perlora

**(de la 1-a ĝis 15-a de junio)**

Denove la Esperantista Klubo „Nordo" de Oviedo (Hispanujo) aranĝas printempan restadon en Perlora, kie, kiel pasintan jaron, geesperantistoj povas pasigi trankvilajn kaj samtempe agrablajn tagojn en plej samideaneca atmosfero kaj pitoreska regiono.
La hispanaj sindikatoj metas je nia dispono komfortan, ampleksan, kaj tamen malmultekostan restadejon, similan al duaranga hotelo.
La manĝaĵoj estas variaj, abundaj kaj zorge kuiritaj de sperta kuiristo. La ĉambroj estas ĉiuj dulitaj.
La prezo de 15-taga restado estas nur 750 pesetoj por esperantistoj kaj 850 pesetoj por neesperantistoj akompanantaj.
Dum la restado oni okazigos ekskursojn al plej belaj kaj intersaj lokoj de la Provinco; folklorajn dancojn, balojn, kaj eventuale esperantajn prelegojn.
Se vi deziras ĉeesti kaj bezonas pliajn informojn, petu ilin de ni, kaj tre volonte ni klarigos al vi ĉion. La adreso estas: Esperantista Klubo „Nordo", Strato San Juan 10, Oviedo, Hispanujo.



## INTERNACIA FERIOSEMAJNO SUR HERZBERG

Kormonto . . . Svislando

Por fervojistoj kaj ties familianoj de la 15a ĝis la 20a de junio organizas Hunkeler Hans, trajnĉefo Girixweg 31, Aaraŭ (Svislando) Patronecas Svisa Asocio de Esp-fervojistoj.

El la programo: La 15an posttagmeze kolektiĝo en Aaraŭ en hotelo Helvetia, forveturo je la 18a horo al Herzberg.
De la 16a ĝis la 19a belegaj ekskrusoj kaj vizitadoj al la famegaj vitropentraĵoj en Königsfelden; amfiteatro Vindonissa; kastelo Habsburg (hejmloko de la Habsburga Dinastio); kastelo Wildegg; Svisa Radioelsendilo; boatveturo sur lago Hallwil; la antikva urbo Aaraŭ; geologia ekskurso; migradoj al belegaj elvidrokoj Juraaj kaj kunvenoj por la hobianoj, kiel fotografantoj, filatelistoj, pentrantoj kaj Esperantistoj.
La 20an Finsemajna ekskurso (nedeviga) trans Lucerno, Brünig, Interlaken, Heimwehfluh, boatveturado sur la lago de Thun.

**Aliĝfino:** 31a de majo 1959. Maksimuma nombro da partoprenantoj 65 personoj.

**Prezo:** Por la pensiono kaj la ekskursoj FrS. 75, plus FrS. 5 resp. 15 por la finsemajna ekskurso por la aktivaj fervojistoj resp. ties familianoj.
Petu detalan programon de la organizanto!

## FERVOJISTA KUNVENO DUM LA SAT-KONGRESO EN HELSINKI

Okaze de la SAT-kongreso en Helsinki (julio '58) nia kolego Ruhanainen arigis ĉiujn IFEF-fervojistojn. La kunveno okazis la 2-an en la Laborista Domo. Partoprenis 15 gekolegoj el 9 landoj: Aŭstrio, Finnlando, Francio, Hispanio, Germanio, Jugoslavio, Nederlando, Svislando kaj Svedio.
K-do Ruhanainen bonvenigis la ĉeestantojn kaj bedaŭris ke ilia nombro ne estas pli granda. Li memorigis, ke vespere la Sindikato akceptos la tutan kongresanaron en la ĉambrego de Sociala Servo de Ŝtata Fervojo. Ke merkredon posttagmeze ĉiuj gekolegoj estos invitataj de la sama organizo en sia bela sidejo.
Post diversaj diskutoj la kolegaro decidis komisii k-don Pelletier resumi la deziresprimojn, kiujn li sendos pere de sia landa asocio al IFEF. Jen la deziresprimoj de niaj kolegoj membroj de IFEF:

1. La membroj estus feliĉaj havi profesiajn informojn pri la fervojistoj en diversaj landoj. Scii ekz. kiom da libertempoj havas la fervojistoj, scii pri la vojaĝeblecoj de la agentoj kaj de la familianoj, ĝis kioma aĝo ili devas labori antaŭ la emeritiĝo, scii pri la aĉetpovo de mesklasa fervojisto.

2. En kelkaj landoj, kiel Aŭstrio, la fervojadministracio disponas en iaj urboj pri malmultekostaj tranoktejoj, kiujn la fervojistoj povas uzi kun sia familio. Estus interese havi adresojn. Oni ankaŭ povas same fari pri la kantinoj.

La partoprenantoj salutas la kolegojn kiuj dank' al Teknika Leksikono havigas al la fervojistoj seriozan materialon nepre necesan por pruvi ke la fervojistoj volas realigi la uzon de Esperanto en profesiaj rilatoj.

Protokolis L. Pelletier

## EL ALIAJ ESPERANTO-ORGANIZOJ

**La U.E.A.-kongreso** okazos ĉi-jare (1—8 aŭgusto) en Varsovio, Pollando, la lando en kiu antaŭ cent jaroj naskiĝis la kreinto de Esperanto, Doktoro Ludoviko Lazaro Zamenhof.
Honora Protektanto estas Jozef Cyrankiewicz, Prez. de Ministroj de la Pola Popolrespubliko.
El la diversaj aranĝoj ni menciu: Junulara kunveno, Blindulkongreso, kunveno de la Mondpaca Esperanto-Movado kaj prelego en la kadro de la Biologia Jaro, kiu estos festata en 1959 en le tuta sciencista mondo, honore al la 150 naskiĝdato de Darwin.
Kiel postkongresan urbon oni elektis Krakovon (9—12 aŭgusto).
Ĝis fino de februaro aliĝis al la kongreso 1404 samideanoj el 38 landoj.

**La 12-a kongreso de KELI** okazos de la 25-a de julio ĝis la 1-a de aŭg. en la kastelo NIJENRODE, BREUKELEN apud la urbo Utrecht, Nederlando. Anoj kaj samideanoj estas tre kore bonvenaj.
Ĉeftemo de la kongreso estos: **La Atomepoko koncernas nin ĉiujn.**
Krome okazos studoj, distraj kunvenoj, ekskursoj, filmprezentadoj k.t.p. La kongresejo estas en la fama kaj antikva kastelo, kiu situas en belega kaj granda parko. Prezo de la partoprenado en la tuta kongreso, inkluzive restado, manĝadoj, tranoktoj kaj unu tuttage ekskurso estas proks. 95 gld. Informojn donos al vi s-ro J. van Keulen, Van Beethovensingel 91, Vlaardingen, Nederlando.




---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando